11-a jaro. — N-ro 10-11 (128-129) Okt.-Nov. 1925.

# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Direktoro ;

FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11

ANTVERPENO

Por la anoncoj oni sin turnu al:

H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO.



**JARA ABONPREZO: Fr. 10.—**

**EKSTERLANDE: Fr. 12.50**

ANTVERPENO

1925

11a JARO. N-ro 10-11 (128-129) — OKT.-NOV. 1925.


# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*



Redakcia parto:
FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antwerpen
Telefono 543 74

Abonoj kaj Monsendoj
FERN. MATHIEUX
94, Avenue Bel-Air, Uccle
Postceko No 39984.




**17a Universala Kongreso de Esperanto.**

## Lingva Komitato

**RAPORTO de la Prezidanto de l' Akademio. Prof. Th. Cart.**

«Esperanto estas vivanta lingvo de vivanta popolo» diris iam prave D-ro E. Privat. Tiu ĉi popolo tute ne estas ema forlasi sian lingvon kaj ĝin, laŭ la deziro de kelkaj teoriuloj, aliformigi tiamaniere, ke iĝinta fakte nova lingvo, ĝi ne plu estus ĝia propra lingvo, jam komune uzata, amata de multaj kiel dua gepatra lingvo.

Vivanta lingvo, ĉar vivanta pro la ĉiam renovigataj kondiĉoj kaj postuloj de la vivo, evoluas, sed laŭnature, iom post iom, preskaŭ nerimarkeble por la uzantoj.

Tiun ĉi evoluadon oni konstatas ĉu en la gramatiko, ĉu en la vortaro. Ju pli simpla la gramatiko, ju pli logika, — kaj sur la lingva kampo la ĉefe logika leĝo estas la leĝo de analogio, — des malpli rapida fariĝas la evoluo. Nia Zamenhofa gramatiko estis ja de la komenco tiel simpla, tiel logika, ke la vivo, t. e. la komuna praktiko, la internacia uzado alportis en ĝin neniun rimarkeblan ŝanĝon kaj verŝajne alportos neniun gravan en la estonteco.

Pri la vortaro la demando estas pli komplikita, tie ĉi la evoluo konsistas unue en tio, ke kelkaj esprimoj iom post iom malaperas, fariĝas arkaismoj kaj estas anstataŭataj de aliaj esprimoj, ĝenerale pri simplaj, pli koncizaj; kunmetitaj vortoj cedas sian lokon al novaj radikoj: malfalsa - aŭtentika, manringo - braceleto, malserioza - frivola, suprenrampi - grimpi, neprokrastebla - urĝa, tegmentĉambro - mansardo, ŝanceliĝi - heziti ktp., ktp.; due, kaj precipe, la vortara evoluo estas pli ĝuste simpla pliriĉiĝo dank'al enkonduko de novaj radikoj, kiam kaj kie la jam ekzistanta vorttrezoro ne sufiĉas pro traduki ian ideon kun sufiĉa precizeco. Sed tian rajton: uzi novajn radikojn, havas nur — tion

tre prave ripetis diversfoje la eminenta direktoro de la Sekcio pri komuna vortaro, Prof. Grosjean - Maupin — tian rajton havas nur tiuj, kiuj perfekte posedas la lingvon kaj konas ĉiujn ĝiajn esprimrimedojn. Tro ofte la enkonduko de novaj radikoj estas nur signo de nesciado kaj de mallaboremo: multe pli facile estas krei novan vorton, ol serĉi taŭgan solvon, uzante nur la oficialajn radikojn. Tia kreado estu ĉiam kaj por ĉiuj malĝojiga, eĉ dolora, kaj ĝi efektiviĝu ne «facilanime (Zamenhof)» sed nur pro nepra neceseco, post peniga pripensado.Nian Majstron timigis la «dikaj vortaroj... kun siaj centmiloj da vortoj»; ili ankaŭ nin timigu!

Tamen, ke novaj radikoj en lingvo, kiu vivas, estas necesaj, tion neniu neas, sed ilin akiras kaj akiros nia komuna lingvo precipe dank' al la teknikaj kaj sciencaj vortaroj, kiuj postulas je alta grado specialan apartan precizecon. Por Esperanto, kiel por ĉiuj niaj modernaj lingvoj la scienco, kies rolo ĉiam pli kaj pli grandiĝas en la homa socio, estas kaj estos ĉefa fonto, el kiu la komuna lingvo ĉerpas novajn vortojn. Niaj lingvoj pleniĝas kvazaŭ senkonscie per la senĉesa alfluo de l' preciza scienca terminaro.

La plej grava tasko de niaj lingvaj institucioj estas konstati, kontroli kaj fine oficialigi la rezultojn de tiu ĉi evoluado aŭ pliriĉiĝado. Oni ne parolu pro ŝtoniĝo de nia Zamenhofa Esperanto: Ĝi neniel ŝtoniĝis!

Ni ne devas forgesi aliparte, ke nia lingvo havas sian propran spiriton. Plene aprobindaj estas la konsiloj de D-ro Privat en lia raporto, kiam li insistas pri la neceseco legi kaj relegi la verkojn de D-ro Zamenhof, «kiu la plej multe laboris por kaj en Esperanto kaj la plej bone konas ĝian spiriton» (Deklaracio). Esperanto ne estas la sumo de niaj romangermanaj lingvoj, sed ilia sintezo. Same ĝia spirito ne estas la sumo de la spiritoj de niaj lingvoj, sed ilia sintezo, sekve ia propra spirito. Postuli de Esperanto, ke ĝi traduku laŭvorte el tiu aŭ alia lingvo, konservante la ecojn, la nuancojn de ĉiu aparta estus tropretendema eraro, ne nur, kiel skribis D-ro Zamenhof, ĉar «ĉiu komencus tiri en sian flankon kaj la lingvo restus eterne, aŭ almenaŭ dum tre longa tempo, malgracia kaj senviva kolekto da vortoj», sed ankaŭ, ĉar ĝi baldaŭ pereus pro «tropleneco». El internacia lingvo ni ne klopodu fari «ĉiunacian» lingvon, kiu, sumigante ĉiujn nacilingvajn idiotismojn,fariĝis por la Esperantistaro vere enigma fremda lingvo. Tradukisto devas esti kapabla repensi en Esperanto la tradukotan tekston (vidu: Letero al Borovko), se ne, se, por traduki, li ĉiumomente bezonas la helpon de naci-esperanta vortaro — kiu cetere ĉiam ŝajnos al li ne sufiĉe plena, ne sufiĉe vort - aŭ esprimriĉa — li estu modesta, konservu por si sian tradukojn kaj konsideru ĝin kiel simplan, cetere por lernanto utilan ekzercon. Tamen li ne senkuraĝiĝu. Li legu atente kaj studu la verkojn de niaj plej bonaj stilistoj kaj, precipe, de nia Majstro; fine, kiam post pacienca laborado, li, laŭ esprimo de D-ro Zamenhof, posedos la lingvon, tiam, sed nur tiam, li rajtos havi la ambicion pliriĉigadi nian literaturon kaj, okaze, nian vortprovizon. Li meditu aliflanke tiujn vort-

ojn «lingvoj naturaj kreskas tute trankvile,ĉar kun tia lingvo neniu kuraĝas fari iajn eksperimentojn aŭ fleksi ĝin laŭ sia gusto, sed pri lingvo artefarita ĉiu opinias, ke li havas rajton de voĉo, ke li povas aŭ eĉ devas direkti la sorton de la lingvo laŭ sia kompreno... En lingvo artefarita... ĉiu bagatelo, kiu ne estas konforma al nia gusto, pikas al ni la okulojn kaj vekas deziron de refarado. Lingvo artefarita dum longa tempo estas elmetata al senĉesaj ventoj.» (Parolado en la 8-a Kongreso.)

Tiuj ĉi klarigoj kaj konsiloj estas sendube la lastaj,kiujn mi eldiras kiel Prezidanto de la L K kaj de ĝia Akademio. Novaj elektoj por la Akademia estraro okazos antaŭ la fina de l' jaro. Laŭ mia konvinko ne estas bone, ke la sama homo havu en niaj vicoj dum tro longa periodo ian estran povon. Al maljuniĝanta, de jaro al jaro fariĝas la jaroj pli multpezaj: Plena povas resti lia kuraĝo, klara povas resti lia volo, firma povas resti lia mano, sed kuraĝo, volo, mano iom rigidiĝas, eĉ «ŝtoniĝas» kaj ne konservas la dum senĉesa batalo eble necesan flekseblecon. Arbaro vivas dank' al malapero de maljunaj arboj, kiu sola permesas la liberan kreskadon de junaj individuoj. Ni respektu kaj obeu la naturan leĝon!

Kiam en Krakovo nia kara Majstro forlasis sian oficialan rolon, li emocie diris: «Mi ankoraŭ la lastan fojon admonas vin: Laboru ĉiam en plena unueco, en ordo kaj konkordo... Per unueco ni pli aŭ malpli frue certe venkos, eĉ se la tuta mondo batalus kontraŭ ni; per interna malpaco ni ruinigus nian aferon pli rapide ol tion povus fari ĉiuj niaj malamikoj kune. Ne forgesu, ke Esperanto estas ne sole simpla lingvo... sed ke ĝi estas grava socia problemo». En Cirkulera Letero (1908) li estis skribinta: «Ĉiu vera amiko de lingvo internacia devas absolute silenti pri siaj personaj gustoj kaj gustetoj, kaj, por ke ni akiru por nia afero la konfidon de la monde, ni ĉiuj devas antaŭ ĉio labori en plej severa unueco!»

Permesu, karaj komitatanoj kaj samideanoj, ke tiuj ĉi Zamenhofaj admonoj estu mia fina konkludo.

TH. CART.

---

**RAPORTO de l' Direktoro de la Sekcio pri Konkursoj kaj Premioj.**
**D-ro E. Privat.**

Estimata Sinjoro Prezidanto!

La Akademio ricevis tiun ĉi jaron ne sufiĉan nombron da verkoj ekzamenotaj por fari taŭgan elekton. Ne mankis la novaj eldonaĵoj en Esperantujo; sed verkintoj kaj presintoj forgesis ilin sendi. En tiaj kondiĉoj mi proponas nek esplori, nek decidi pri iu ajn rekompenco por 1925, malgraŭ la fakto, ke eldoniĝis lastatempe pluraj tre bonaj verkoj.

La okazo estas eĉ tre taŭga por memorigi la Esperantistaron legi ne nur novajn, sed ankaŭ malnovajn librojn. La stilo de nia skriba lingvo post la milito ne estas ĉiam tre zorga. Rapideco kaj maŝinskriba diktado

ne favoras tiun guston al perfekta formo, kiu tamen estas necesa por konservi Esperanton sur la vojo de flueco kaj harmonio.

Estas oportuna momento por ankoraŭ foje rekomendi al ĉiuj, ke ili akiru la verkojn de nia Majstro D-ro Zamenhof kaj lernu de li kiel klare kaj agrable skribi. Neniu legado egalas la konatiĝon kun liaj originaloj kaj tradukoj kaj neniu rajtas pretendi, ke li funde scipovas Esperanton, se li ne klopodis kapti el tiu legado iom de tiu «spirito de nia lingvo», kiun D-ro Zamenhof tiel trafe priskribis en la fino de sia fama letero al N. Borovko.

---

**RAPORTO de la Direktoro de la Sekcio pri Gramatiko.**

**D-ro W. Lippmann.**

Altestimata Sinjoro Prezidanto!

En ĉi tiu jaro mi ne povas raporti pri grandaj faroj de la Gramatiko-Sekcio. La gramatiko de Esperanto — alie ol la vortaro — ne enhavas multe da ebloj por novaĵoj, kiuj devas esti studataj kaj oficiale prijuĝataj. Tial estas nature, ke ankaŭ en la lasta jaro ne prezentiĝis okazo por esploroj kaj voĉdonoj pri novaj gramatikaj problemoj.

Aliflanke tre ofte venis al mi demandoj leteraj kaj parolaj de pli kaj malpli spertaj Esperantistoj pri diversaj gramatikaj aferoj. Ĉar ili estis respondeblaj simple el la kono de la ĝenerala lingvouzo de bonaj aŭtoroj, precipe de D-ro Zamenhof, mi ĉiufoje respondis ilin sola, ĉar ne estas tasko de la tuta sekcio voĉdoni pri demandoj, kies respondado estas nek malfacila, nek duba.

La plano kaj alvoko en la lastjara raporto pri kontrolado de nacilingvaj instrulibroj ja ankoraŭ ne havis «plenan sukceson», sed almenaŭ kelkaj (ne multaj) malnovaj samideanoj el kaj ekster la Lingva Komitato dankinde anoncis sian pretecon kunlabori sur ĉi tiu kampo. Mi mem trallaboris plurajn instrulibrojn kaj parte sendis miajn notojn al la aŭtoro, parte diskutis parole la korektindaĵojn kun la verkinto. Mi ricevis la impreson ke, la aŭtoroj,kiuj vere celas aperigi sub sia nomo ion nepre fidindan,evidente ŝatas ĉi tiun amikan konsiladon kaj ne rigardas ĝin kiel ĝenan kontrolon.En du tiaj instrulibroj mi povis facile konstati,ke la nova eldono estas en multaj detaloj pli bona ol la antaŭa.

La kampoj de gramatiko kaj vortaro havas kelkajn partojn komunajn, ekz. la vortformadon. Tial ĉi tie eble meritas mencion ankaŭ mia helpado al du aŭtoroj de Esperantovortaroj, kiu koncernis ofte gramatikajn demandojn.

Tre bonajn artikolojn pri kelkaj gramatikaĵoj mi ricevis de S-ro Bailey (L. K.) Supozeble ili estos publikigataj.

Kun la esprimo de plej alta estimo

**D-ro Walter Lippmann.**

**RAPORTO de la Direktoro de Sekcio pri Komuna vortaro**

**Prof. Grosjean - Maupin.**

Altestimata Prezidanto!

Kvankam dum la nuna jaro 1924-25 la L. K. nenion produktis tutare, tamen sufiĉe multaj komitatanoj laboris aparte: En la fino de la jaro 1924 aperis la unua parto de la Oficiala Klasika Libro enhavanta ĉiujn nunajn oficialajn radikojn de Esperanto kun tradukoj franca, angla kaj germana kaj kun diversaj utilaj rimarkoj kaj difinoj. Okaze de tiu ĉi verko oni povis unu fojon plie konstati, kiel malfacile estas interkonsenti, eĉ inter samlingvanoj, pri la taŭgaj tradukoj de ĉiu radiko. Kiom de kapoj, tiom da opinioj.

Kelkaj el la ceteraj nacilingvaj tradukoj, kiuj konsistigos la sekvantajn partojn de la Oficiala Klasika Libro, estas jam preparitaj kaj bezonas nur finan kontrolan revidon. S-ro Inglada, Backhäuser, La Colla, Mazzolini kaj Migliorini,Stamatiadis kaj D-ro Zamenhof respektive verkis la hispanan, portugalan, italan, grekan kaj polan tradukojn.

Aliaj nacilingvaj tradukoj estas preparataj: La kataluna, de s-ro Marian Solo, la holanda de s-ro Isbrücker, la dana-norvega de s-ro Blicher, la sveda de S-ro Nylen, la hungara de S-ro Lengyel, la finna de S-ro Setälä.

Neniu el la multaj Esperantistoj, kiuj proponis aŭ promesis sian kunlaboradon por la entreprenita esploro pri Proverboj, Komparoj kaj Metaforoj, sendis al la direktanto ion ajn dum tiu ĉi jaro. Tre dezirinde estas, ke la Esperantistaro fine komprenu la nepran necesecon de opa internacia diverslingva kunlaborado kaj interkonsento.

La ĵusaj gravaj sukcesoj de Esperanto kompreneble incitis la koleron de la Idistoj kaj plivigligis ilian atakan aktivecon. Estus dezirinde, ke, respondante kaj kontraŭbatalante la argumentojn de niaj malamikoj, la Esperantistoj neniam forgesu, ke Ido tute ne estas ido kaj filo de Esperanto, bazita sur samaj principoj, kiel la patro. Distrumpetante, ke Ido estas «nur simpligita kaj plibonigita formo de Esperanto, kiu konservis la esencajn principojn, al kiuj Esperanto dankas sian sukceson» la Idistoj mensogas. En la efektiveco, Ido estas lingvo kerne kaj esence diferenca de Esperanto, malgraŭ ŝajna supraĵa kaj ekstera simileco, kaj la simpla komuna saĝo malpermesas,ke tiu,kiu akceptas kaj trovas taŭgaj la principojn de Esperanto, povu akcepti samtempe la pretendatajn plibonigojn de Ido, bazitajn sur principoj tute kontraŭaj kaj plej ofte naskitajn de senkonsciaj kaj neatentitaj nacilingvaĵoj kaj idiotismoj.

Prof. E. Grosjean-Maupin.

---

# BELGA KRONIKO.

ANTVERPENO. — **«La Verda Stelo».** — La 5an de Septembro okazis ĝenerala kunsido en la sidejo «De Witte Leeuw», dum kiu estis raportata pri la agado de la grupo dum la pasintaj monatoj kaj dum kiu S-ro Schoofs, prezidanto, parolis pri lia vojaĝo al Genève kaj pri la XVIIa Universala Kongreso. — La 12an de Sept., S-ro Willy De Schutter prelegis tradukojn el flandraj legolibretoj, per tio tre interesigante la ĉeestantojn. — La 19an, S-ro Jaumotte rakontis tre vigle kaj sprite pri vojaĝo en la Pireneaj regionoj,kiun li faris kun sia edzino dum aŭgusto. Laŭkutime li sukcesis agrabligi sian paroladon per trafaj spritaĵoj. La 26an S-ro Broeckhove, kiu faris sessemajnan vojaĝon tra Sovetlando, ankaŭ raportis pri siaj spertoj dum tiu tre longa kaj tre interesa migrado. — Dum Oktobro ni havis niajn kutimajn agrablajn sabatajn kunsidojn. Krom tio okazis en la festsalono «Quatre Nations», Cellebroedersstraat, disdono de diplomoj al la laŭreatoj de la ekzameno, okazinta en Julio. La soleno estis agrabligita per deklamaĵoj de S-ro Vermuyten kaj kantoj kaj violonĉelludo de S-ro Boeren, ambaŭ akompanataj fortepiane de F-ino Jeanne Van Bockel. Poste estis dancado tre agrabla. — La 29an de Oktobro malfermiĝis la Ekspozicio pri la Infano, en kiu la grupo havis standon kun interesajoj pri Esperanto rilate al la infanoj. — Post kutima kunsido en la sidejo, la 7an de Novembro, ni havis la 12an, en la citita Ekspozicio, tre interesan propagandan vesperon. S-ro M. Jaumotte alparolis en flandra kaj franca lingvoj la publikon, por konvinki ĝin pri la utilo kaj neseco de Esperanto. S-ro Vermuyten deklamis majstre du Esperantajn deklamaĵojn, kaj S-ro M. Boeren, akompanata de F-ino Van Bockel, kantis kelkajn fremdlandajn popolkantojn. F-ino A. Segebarth ludis sola, ankaŭ F-ino Van Bockel, tre belajn muzikaĵojn, kaj S-ro R. Segers ludis violone ĉarman arion kun akompano de S-ro Ant. Loquet, pianisto. — La vic-prezidanto, S-ro Morris De Ketelaere, lerte klarigis nacilingve la deklamaĵojn. — La 21an S-ro Vermuyten prelegis tradukaĵojn el la Flandra literaturo, intermiksante sian paroladon kun trafaj spritaĵoj tre aktualaj. — La 28an ni havis amuzan vesperon,dum kiu oni gaje kaj brue solvis krucvortojn kaj aliajn problemojn. Libretoj estis donacitaj kiel premioj kaj aliaj estis je la profito de la grupa kaso, venditaj laŭ Amerika aŭkcia metodo.

En la komenco de Okt. nia liga grupo malfermis siajn kutimajn kursojn: kvar elementajn (prof.: F-ino C. De Buyser, S-roj M. Boeren, R. Broeckhove kaj Jan Van Schoor) kaj unu perfektiga (prof.: S-ro F. Schoofs), — kun entute 80 lernantoj.

**Oficialaj kursoj.** — Nun funkcias, kun pagataj instruistoj, du elementaj kursoj (prof.: S-roj Broeckhove kaj Verreeck) kaj du perfektigaj (prof.: F-ino Geers kaj Karnas) — kun entute sesdeko da lernantoj. La elementaj kaj perfektigaj kursoj oficialaj konsistas el po 50 lecionoj duhoraj; plena kurso de Esperanto daŭras do 200 horojn, dum du jaroj.

Notinde estas ke unuafoje tiuj kursoj estis anoncitaj al la publiko sur la oficialaj afiŝoj de la Urbestraro.

**La Antverpena Komitato por Internacia Komerca Lingvo** dissendis belegan dulingvan prospekton al la komercaj firmoj de la urbo pri nova kurso de Esperanto. Ĉi tiu kurso komenciĝis la 22an de Oktobro kaj okazas regule kun 15 lernantoj en la Normala lernejo, Quellinstrato. La profesoro estas nia bona propagandisto S-ro Morris De Ketelaere.

**Polica Grupo Esperantista.** — La 29an kaj 30an de Oktobro okazis la fermaj lecionoj de la somer-aŭtuna kurso, dum kiuj la lernantoj dankis la kursgvidanton, S-ron F. Schoofs, al kiu la grupo prezentis la honoran membrecon. Tuj poste tiu societo entreprenis propagandon por nova kurso: specialaj flugfolioj presitaj sur niaj «Esperanto in een Oogslag» estis dissenditaj kaj du novaj lecionserioj nun funkcias (de la 12a kaj 13a de Novembro) gvidataj de S-ro Willy De Schutter.

**Inter la Knabo-Skoltoj.** — Dank'al la klopodoj de niaj samideanoj J. Van Gulck kaj Chr. Cardon de Lichtbuer, estis starigita la 1-an de Novembro «Esperantista Klubo» en la Skolta Asocio «Baden Powell Belgian Boy and Sea Scouts». Ĝia celo estas propagandi Esperanton inter la skoltoj de nia lando. La provizora Ĝenerala Sekretariejo estas Kanonstraat, 10, Antverpeno..

BRUĜO. — Malbonan novaĵon ni ricevis de Bruĝo. Pro familiaj motivoj, F-ino Thooris, la tiea agema kaj lerta Prezidantino, devis rezigni la prezidantecon de la grupo kaj ĝian propagandan laboron. Jaŭdon, 22an de oktobro, niaj Bruĝaj amikoj organizis solenan kunvenon por esprimi al sia eksprezidantino la dankemon de ĉiuj pro la multnombraj servoj faritaj dum ŝia longa prezidanteco kaj ilia bedaŭro pro ŝia decido. Ili donacis al F-ino Thooris belan memoraĵon kaj belaj floraj estis prezentataj al la heroino de tiu tre kortuŝa manifestacio de simpatio. S-ro Petiau, Ĝenerala Sekretario de Belga Ligo ĉeestis la kunvenon, kiun prezidis S-ro Witteryck, nia kara Liga Prezidanto, kaj ekkaptis tiun okazon por esprimi al Fraŭlino Thooris la dankemon de la belga esperantistaro kaj rememorigi la servojn de ŝi faritajn por nia movado. Li admonis ŝin ne tute forlasi nian aferon, ĉar la perdo estus ne riparebla! Feliĉe, F-ino Thooris sukcesis trovi en S-ro Dervaux, tre kapablan kaj ageman anstataŭanton. Efektive, S-ro Dervaux, malnova Sekretario de la Bruĝa grupo, kaj profesoro, faris siajn pruvojn! Kiu ne memoras la belan organizaĵon de la Bruĝa Kongreso dum 1924, kiu estis la ĉefverko de S-ro Dervaux! Lia pasinteco garantias la estontecon kaj kun la tre bona spirito,kiu regas inter la Bruĝaj samideanoj, ne estas dube, ke S-ro Dervaux konservos al sia grupo la unuan rangon, kiun donis al ĝi F-ino Thooris.

LA PANNE. — La Ligo de la materiaj interesoj entreprenis viglan agadon por Esperanto. Bela alvok-afiŝo estis gluita en la urbo. La 15an de Novembro, S-ro H. Petiau faris paroladon en «Hôtel des Arcades». Je la fino de Novembro komenciĝis kurso, gvidata de nia sindonema

amiko Paul Benoît, el Oostduinkerke, kaj ĉeestata de pli ol 50 gelernantoj.

GENTO. — Multaj alilandaj junaj samideanoj studas en la Genta Universitato. Kelkaj el ili regule ĉeestas la kunvenojn de la Genta grupo kaj S-ro Petiau studas kun ili la rimedojn por fari taŭgan propagandon en la Universitato.

La Progreso. — Dimanĉon 20an de septembro, la klubo havis sian jaran ĝeneralan kunvenon kaj festis samokaze intime la dekan datrevenon de sia fondiĝo. La prezidanto S-ro Cogen faris festparoladon, en kiu li memorigis la fondiĝon dum 1915, kiam nia idealo estis ŝajne pereinta, kaj la viglan internan kaj eksteran vivon. La paroladoj, ludvesperoj, kantvesperoj, festoj intimaj kaj propagandaj, debatkunvenoj, kursoj lingvaj kaj stenografiaj, partopreno al sekvantaroj, konkursoj, ekskursoj, fotografado, ĉio kvazaŭ filmo pasis antaŭ ni.

Ĉiuj raportoj estis aprobataj, kaj la komitato reelektata.

Oni decidis pliampleksigi la gazetaran servon, kiu sukcesis gajni por E. ĉiujn Gent'ajn ĵurnalojn, eĉ la antaŭe malfavorajn. Estas sendataj al la redakcioj ne nur poresperantaj artikoloj kaj komunikaĵoj, sed ankaŭ tradukoj de interesaj artikoloj el nia gazetaro kun cito de deveno. Koncerta parto finis la vesperon.

La klubo kun fido kaj espero eniras sian duan jardekon.

MEHLENO. — La 6an de Oktobro la loka grupo organizis en la granda edziĝsalono de la urbestrarejo publikan paroladon de S-ro F. Schoofs antaŭ 30 personoj. La 7an de Oktobro komenciĝis nova kurso kun dekok gelernantoj. La 17an de oktobro la grupo organizis, en sia sidejo: Kafejo «Frascati» tre sukcesintan intiman vesperfesteton kun la afabla kunhelpo de F-ino Pauline Charlier, pianistino; S-roj Cnops, mandolinisto, Wolfs, trombonisto kaj Jozefo Van Camp, deklamanto. Gaja dancado finis la kunvenon.

## IMITINDA EKZEMPLO.

La 15an de oktobro lasta, la propaganda sekcio de «Genta Grupo Esperantista»: «Société Gantoise pour l'Expansion des Relations Mondiales» organizis tre sukcesintan propagandan feston, kiu lasis profiton de pli ol Fr. 1.200.—!

Sekve de tiu bela rezultato «Genta Grupo» decidis donaci 500 frankojn al la kaso de «Belga Ligo Esperantista».

Jen malavara ekzemplo kiu meritas esti sekvata de ĉiuj grupoj!

Gratulojn kaj dankojn al la Gentanoj!

## BELGA GAZETARO

ANTVERPENO. — «Gazet van Antwerpen» (25-9): artikolo pri la la ekspozicio de la grupo «Al Triumfo» de S-ta Nikolao; (14-10): anonceto pri la oficialaj kursoj; same pri la komerca kurso.

«Het Handelsblad» (26-9): ekspozicio en S-ta Nikolao.

«Le Matin» (11-10): bilbiografia artikolo pri la flandra lerno-libreto eldonita de la grupo «La Verda Stelo»; (8-11): noto pri la akcepto de Esperanto kiel klara lingvo telegrafa. La ĵurnalo aldonis: «Sed kion diros la adeptoj de Ido?»

«La Métropole» (11-10): flandra lernolibreto de «La Verda Stelo».

«De Nieuwe Gazet» (8-10): same; (5-10): informo pri la kursoj de grupo «La Verda Stelo» kaj noto pri la parolado de S-ro F. Schoofs en la urbodomo de Meĥleno; (14-10): raporto pri la disdono de diplomoj en citita grupo.

Ĉiuj aliaj gazetoj de la urbo publikigis la anoncojn pri la kursoj organizitaj de la diversaj grupoj kaj de la urbo.

«De Vlaamsche Gid» (Okt.): studo pri la problemo de la internacia lingvo, aŭ plibone: analizo de la raporto de 31 Julio 1923 de S-ro G. de Reynold al la Komisiono de Intelekta Kunlaborado de la Ligo de Nacioj. El la tuta artikolo 11 - paĝa ne estas ĉerpebla la konkludo de la aŭtoro, kiu staras nekredema antaŭ la tri klasikaj solvoj de la demando: nacia, latina aŭ artefarita lingvo.

BRUĜO. — «Brugsch Handelsblad» (26-9): deko da novaĵoj pri Esp. el diversaj landoj.

«Journal de Bruges» (15-10): pri la eldono de la Biblio en Esp. kaj anonco pri la flandra lernolibreto de «La Verda Stelo»; (18-19-10) :Esp. en la komercaj rondoj de Verviers; (1/2-11): la universitata semajno de Genève; (8/9-11): decido pri Esp. «klara lingvo»; resumo de parolado de S-ro Oltramare; (11-11): rezolucio de la Universala Kongreso por la Paco; (12-11): anonco de kurso organizita de la loka grupo; 26-11): progresoj de Esp.; (29-11): anonco de la gazeto «L'Antenne», laŭ kiu la radiofona stacio de Oslo ĉiutage, je la 19 h. 30 elsendas komunikaĵojn en Esperanto. Aŭdintoj informu: Norvega Esp. Ligo, Bergliengade 11, Oslo.

«La Patrie» (29-11): artikoleto pri la uzo de Esperanto por predikoj kaj por la propagando de la kristana kredo. «Dio permesis, ke estu nuligata la dekreto de Babelo, kiu kreis la lingvan konfuzon».

BRUSELO. — «Ons Land» (24-10): fotografaĵo pri la disdono de la diplomoj en «La Verda Stelo», Antverpeno.

«Standaard» (kaj «Morgenpost»): noto pri la ekspozicio en Sta-Nikolao; (2-10): Esp. en la Packongreso; (7-11): Esp. «klara lingvo»; (8-11): apero de flandra gramatiketo; (11-10): int. kongreso de aerveturado.

«L'indépendance Belge» (4-11): Esp. «klara» lingvo.

«Het Laatste Nieuws» (11-0): kongreso de aerveturado; (14-10): raporto pri parolado Schoofs en urbodomo de Meĥleno.

«Le Peuple» (27-10): anonco de diversaj kursoj organizitaj de la Esp. Federacio laborista; (5-11): «klara telegrafa lingvo».

GENTO. — «La Flandre Libérale» (22-10): flandra gramatiketo ; (24-10): rezolucio de la Int. kongreso de la teknika gazetaro; (25-10): kurso organizita de la «Soc. gantoise pour l'expansion des relations

mondiales»; noto pri la eldono de rusa poŝtmarko kun surskribo en Esperanto; (7-11): Esp. kiel «klara lingvo».

«De Gazette van Gent» (25-10): Kongreso de teknika gazetaro; (5-11): Esp. «klara lingvo».

MEĤLENO. — «Gazet van Mechelen» (5-10): anonco de parolado Schoofs en la urbodomo kaj informo pri kurso; (12-10): raporteto pri tiu parolado; (14-10): realvoko por la kurso; (15/20-10): Esperanto kaj radio; (3-11): kongreso de la teknika gazetaro; (12-11): kongreso de aerveturado; radio-elsendoj en Esperanto.

«Journal de Malines» (22-11): kongreso de aerveturado; radio-elsendoj.

NAMURO. — «La Province de Namur» (4-11): decido pri Esp. kiel klara lingvo.

OSTENDO. — «L'Echo d'Ostende» (19-11): noto pri parolado de S-ro Petiau en La Panne, kaj pri tiea kurso donata de S-ro Benoit.

S-TA NIKOLAO. — «De Nieuwe Tijd» (20/27-9), «De Volksbode» (20-9), «De Volksstem» (27-9): artikoletoj pri la ekspozicio organizita de la loka liga grupo «Al Triomfo».

VERVIERS. — «Le Courrier du Soir» (26-11): raporteto pri la Va Esperanto-Tago de la Verviersa grupo; anonco pri komerca kurso de Esperanto;

«Le Travail» (23-11): detala raporto pri la Va Esperanto-Tago kiun organizis la grupo de Verviers okaze de la disdono de diplomoj al la junaj gelernantoj de la 4a-gradaj lernejoj.

:-: :-: :-:

Multaj gazetoj el la tuta lando publikigis bibliografian noton pri la eldono en Esperanto de landkarto de Svislando.

---

## RADIO-GAZETOJ

«Radio - Belge» (15-10): du-kolona artikolo dokumentiga de S-ro Schoofs pri la demando de Esperanto; art. pri Ido. (25-11): deziresprimo pri Esperanto de la Int. Kongreso de aerveturado.

«Radio - Home» (25-11): granda artikolo de S-ro D-ro Corret pri la temo: «La Senfadena Telegrafado bezonas internacian lingvon».

---

# ESPERANTO KAJ AERNAVIGADO.

La IIIa Internacia Kongreso de Aera Navigado, okazis en Bruselo dum la monato Septembro. Ĝi voĉdonis jenan deziresprimon:

« La IIIa Internacia Kongreso de la Aera Navigado, konsiderante la gravajn servojn, kiujn farus al la Aeronaŭtiko la uzado de la helpa lingvo Esperanto en la internaciaj rilatoj, decidas starigi Internacian Komisionon komisiitan por difini kaj proponi rimedojn ebligantajn la enkondukon kaj la disvolvon de la uzado de Esperanto kiel teknika ling-

vo de la aera navigado kaj petas S-rojn Torres y Quevedo, kolonelon Paul Renard, majoron Emilio Herrera, Henry Kapferer, Ernest Archdeacon kaj generalon Maurice Rollet de l'Isle starigi ĝin, aligante la kompetentulojn, kiujn ili juĝos utilaj. »

# EHO DE LA XIVa BELGA KONGRESO DE ESPERANTO.

Karaj Geamikoj Kongresintoj,

Kiel vi povis konstati propravide, la ĉi-loka komitato nenion ŝparis rilate al mono kaj peno, malgraŭ siaj limigitaj rimedoj, por igi tiun-ĉi kongreson brila kaj sukcesa.

Brila ĝi estis, kaj vi ĉiuj, kiuj ĉeestis tiun koraltigan manifestaciegon, certe konservos longan kaj bonegan memoron pri ĝi. La sukceso ankaŭ venis, pli granda eĉ ol ni rajtis esperi, kaj ĉefe la oficialaj rondoj ekinteresiĝis, ne plu platone, sed tre serioze al nia afero, je grado ĝis nun neniam atingita en iu antaŭa belga kongreso.

Ni ĝojas pro tio, kaj sentas en ni novajn fortojn por iri pli antaŭen, kaj konduki Esperanton al novaj sukcesoj, nome: oficialigo de la kurso ĉe la 4a grado de la urbaj lernejoj kaj enkonduko de ĝia instruo en la urba komerca vesperlernejo.

Nia ĝojo kaj kuraĝo estos despli grandaj, kaj nia agado despli rajtigata, se ni ekscias, ke vi ĉiuj, belgaj geamikoj, ankaŭ laboras en viaj respektivaj urboj por utiligi plene kaj samcele la progresojn faritajn ne nur en nia humila «truo» de Verviers, sed ankaŭ sur internacia kampo.

Ĉiam antaŭen en konkordo, estu do nia deziro:

ALIĜU AL U. E. A.

# GRATULOJ.

Al S-ro L. Ritschie, Ĝenerala Direktoro de la Urba Oficistaro, membro de la «Sepo por la Sepa» (Organiza Komitato de la 7a Internacia Kongreso), kasisto de la Antverpena grupo Esp., kiu estas nomita kavaliro en la Ordeno de la Krono.

Al S-ro Oscar Van Schoor, prezidanto de la «Sepo por la Sepa» kaj de la «Antverpena Grupo Esp.», komitatano de Belga Ligo Esp., kaj kunfondinto de nia revuo, kiun li dum multaj jaroj direktis, — kiu estas nomita membro de la Komisiono de la urba Muzeo pri Folkloro.

# KONGRESO DE BELGA LIGO ESPERANTISTA EN 1926.

Niaj liganoj sendube jam scias ke, respondante al la afabla invito de la grava societo «La Ligue des Intérêts Matériels de La Panne», tiu ĉarma marborda urbeto estis elektita de la Estraro de B. L. E. kiel kongresloko por 1926, dum la Pentekostaj tagoj.

Kiam la dirita Komitato sendis la inviton, ne ekzistis ankoraŭ grupo en La Panne. Tamen, intereso estis jam vekita en la urbo, kaj la du gazetoj, «La Panne-Plage», kaj «En Panne» enhavis favorajn raportojn; profitante la trankvilajn tagojn dum vintra sezono, kaj dank'al la klopodoj de la delegito de U. E. A., S-ro Benoît, vigla propagando estis farita. Post parolado de la sindonema ĝenerala sekretario de la B.L.E., S-ro Petiau, la 15an de novembro, pli ol 50 lernantoj enskribiĝis: komercistoj, instruistoj, oficistoj, ktp., multe deziras ekkoni perfekte la helpan lingvon pro la alveno de la multaj kongresanoj. Estas certa, de nun, ke troviĝos fervoruloj por certigi sukceson al la kunveno.

Baldaŭ, ekaperos bela gvidlibro pri La Panne. Komitato estos starigita por prilabori indan programon. Atendante pluajn sciigojn, karaj samliganoj, jam rezervu por la vojaĝo al la marbordo, al via kongresloko La Panne, la belajn tagojn: 22-24an de Majo 1926!

---

# JOHANO SEN SPIRITO.

Foje vivis en malgranda vilaĝo de Andaluzio, malriĉa vidvino kun sia dekkvinjara solinfano.

Tiu bona knabo, kiu je sia baptiĝo rivecis la nomon: «Johano» estis certe la plej honesta infano el la mondo. Sindona, laborema, servema ĝis la malmodereco, li atingis preskaŭ la perfektecon, se la naturo ne estus doninta al li gravan malbonaĵon: li estis babilema.

Kaj ĉar li, bedaŭrinde, ne posedis superan inteligentecon, li parolis trafe, maltrafe, agis «male de la bona saĝo», kaj plenumante rigore la ricevitajn ordonojn, faris grandajn stultaĵojn, kiuj ofte altiris al li mem la plej gravajn malagrablaĵojn.

Sekve de tiu intelekta malriĉeco, kiun liaj agadoj montris tiel klare, la loĝantoj de lia naskloko alnomis lin «Joĉjo sen Spirito».

Joĉjo estis do tre servema. Lia plej granda ĝojo estis: utili al tiuj kiuj vivis ĉirkaŭ li; tial, la najbaroj ofte plenumigis de li la plej malagrablajn laborojn.Malfeliĉe liaj bonaj intencoj ne ĉiam estis rekompencataj kaj lia laŭnatura mallerteco helpante, li ĝis kun tiel malmulte da sagaco, ke li faris eraregon post erarego, tiamaniere ,ke la pacienco de la homoj laciĝante, li baldaŭ nenion plu devis fari.

Iam tamen, malriĉa najbarino petis lin, iri al la rivero kaj lavi tie por ĉi kelkajn kreskaĵojn. «Kiel scios mi, ke ili estos sufiĉe lavitaj?» demandis la ĉiam prudenta Joĉjo. — «Kiu ajn preterpasanto diros tion

al vi». Johano plenumis sian taskon kun sia kutima fervoro, sed la horoj forflugis, la suno ekmalaperis jam al la horizonto, neniu alvenis sur la bordvojo kaj ĉiam lavis la infano.

Subite li vidis barkon, kiu malfacilege veturis kontraŭflue. Tuj alvokante la barkestron, li faris al li signon por alproksimiĝi. Kaj kiam la alia povis kompreni lin, «Sinjoro, kriis li, bonvolu diri ĉu mia herboj estas sufiĉe lavitaj?» — Stultulo, kriis kolera la homo «tial vi maloportunis min. Vi farus multe pli bone, dezirante al mi fortan venton. Mi mokas je viaj herboj. Iru diablen kaj lasu min trankvila».

Tamen ĉar la nokto alvenis, Johano ekreturnis hejmen. Laŭvoje li trairis kampon, kie tuta familio malriĉa postrikoltis restintajn spikojn. Je ĝia vido, Joĉjo haltis kaj ekkriis pedante, «Mi deziras ke granda vento sin levu». Tuj la malfeliĉuloj ĵetis sin sur lin kaj superŝutis lin per batoj, por lerni al li, pripensi en la sekvo ĉiujn liajn parolojn».

«Ne estas tio, ke vi devis diri, naivulo klarigis unu el ili, kiam li kredis la venĝado sufiĉa. — Kaj kion do? Mi deziras ke eĉ ne unu sin levu. — Estas bone, respondis Johano, mi rememoros tion». Kaj li daŭrigis sian hejmeniradon.

Tuj, je la bordo de arbaro, li renkontis birdkaptiston, kiu etendis retojn por kapti malgrandajn birdojn. — «Aha, diris Johano, mi deziras ke eĉ ne unu sin levu», — sed tio ne plaĉis al la kaptisto, kaj turnante sin al la entrudulo, kiu deziris tiajn ridindaĵojn: «Kiel vi estas naiva, malfeliĉa knabo, por paroli tiele; vi devus diri: Mi esperas. ke multaj estos mortigataj». Johano, pripensante, rekomencis sian iradon. Sed je kelkaj paŝoj de la patrina loĝejo, li alvenis meze de grupo da rigardaĉadantoj. «Dio, ekkriis la naivega knabo, faru ke multaj estu mortigataj». En la daŭro de unu okulrigado, la krieganta amaso turnis sin kontraŭ li, kaj per grandaj man - kaj piedbatoj pruvis al la babilemulo la maloportunecon de liaj deziroj. Lacega, superŝutita de batoj, li hejmeniris, ne forgesinte demandi, al tiuj, kiuj lin kontuzis, la parolojn kiuj konvenis ĉi tie. «Mi petas Dion, ke ili baldaŭ estu disigitaj» respondis oni al li. Johano dankis kaj kuŝiĝis.

* * *

La sekvantan tagon, je sia vekiĝo, li aŭdis gajan sonoriltintadon. Ĉar li estis scivolema, li leviĝis rapide kaj rimarkis promenante tra la vilaĝaj stratoj, gajan edziĝsekvantaron. Tuj, ne retenante sian febron paroli trafe maltrafe, li ekkriis: «Ke ili baldaŭ estu disigitaj». Je tiuj vortoj la invititoj, kiuj akompanis la novajn geedzojn, sin ĵetis sur lin. kaj ili estus malbone aranĝintaj lin, se lia patrino ne estus veninta por forŝiri lin el iliaj manoj.

Ne estas tiel ke vi devas paroli, mia filo, diris ŝi, sed: «Mi deziras, ke oni havu ĉiutage unu tiele belan». Johano ĵuris ke li rememoros tion. La saman vesperon, belega enterigo laŭiris la vojon kiu kondukis al la preĝejo.

«Mi deziras ke oni havu ĉiutage unu tiele belan», ekkriis la malfeliĉa

«sen Spirito» sed la ĉeestantoj komprenigis al li la kruelecon de liaj paroloj. «Vi devus diri: Ke li estu baldaŭ en paradizo».

La juna viro ne atendis longtempe antaŭ ol uzi tiun lastandeziron. La sekvantan tagon ĉarma baptiĝo kunigis en vilaĝa domo multnombra ĉeestantaro inter kiu Johano promenis sian frumaturan gravecon. «Li estu baldaŭ en paradizo», diris li doktormaniere, klinante super la lulilo de la ĵusnaskito, sed tiun ĉi fojon, la kolero de la amaso estis terura. Batpuŝita, malhonorigita, mokegita la malfeliĉulo estis honte forpelita. Neniu poste ankoraŭ alparolis lin, tiele ke, iom post iom, pripensante siajn malfeliĉaĵojn li komprenis ke la bonvolo kiu ne estas akompanata de inteligenta pripenso, estas nur malriĉo akiro por trairi la vivon. Decidante tiam pripensi siajn agadojn antaŭ ol plenumi ilin, li al si mem klarigis tutsole la multkonatan popolan proverbon:

Parolo estas arĝento, Oron similas silento.

El la franca lingvo: WILLY DE SCHUTTER.

# KIUJ LEGAS MIAJN VERSOJN....

Kiuj legas miajn versojn,
tiuj ja demandas sin:
kiu estas de l'poeto
prikantita la knabin?

Multajn versojn mi jam skribis
je eterna ŝia glor';
ŝian nomon skrupuleme
gardas mi en mia kor'.

Kaj neniam mi ĝis diros,
ĉar vekiĝus la envi',
kaj la homoj persekutus
nin per sia kalumni'.

Al feliĉo nia mordus
de l'ĵaluzo la serpent';
fariseoj superŝutus
nin per kot' kaj ekskrement'.

Ne, mi ne vin forliveros
al la kurioz' de hom':
kiel tomb' sekreton gardas,
mi vin gardos, dolĉa nom'...

JAN VAN SCHOOR.

# LA FLORO DE PACO KAJ AMO.

Kun kapo klinita, viro marŝis malrapide. Liaj rigardoj vagadis sur la malaltajn kreskaĵojn de arbaro senlima. Li parolis mallaŭte sed atentema orelo estus aŭdinta jenajn vortojn:

«Ĉu mi trovus vin, floreto de paco kaj amo? Jam de longe mi sonĝis pri vi. Mi ofte vidis, dum sendormaj noktoj, vian stelforman, verdan kroneton. Mi ofte sonĝis pri la bono, kiun vi donos al la homaro. Kelkaj homoj pensis, ke ili vin trovis sed ili eraris.»

La viro longe ankoraŭ marŝis kaj serĉis. Fariĝis jam iom malhele sub la densejo, kiam subite liaj okuloj ekbrilis pro feliĉo!

En malluma arbara anguleto dolĉa verdkolora lumeto brilis. Stelforma floro, ho miro! heligis la herberojn ĝin ĉirkaŭantajn. Ĝia lumo estis dolĉa kaj mistera.

La junulo, kun ega delikateco, elradikigis la malgrandan supernaturan kreskaĵon. Tuj kiam li estis tenanta ĝin, ega dolĉeco kaj amo senfina sentiĝis en lia koro; amo por la tuta homaro, por ĉiu vivanta estaĵo kaj dezirego je paco kaj frateco!

Li rapidis hejmen, kie li plantis sian trovaĵon. Li bone ĝia zorgis al neniu parolante pri ĝi.

Kelka tempo pasis kiam li aŭdis pri viro, kiu sciigis ĉien, ke li estas la trovinto de l'floro de paco kaj amo. Sed tiu ĉi, post kelka tempo malgaje devis konfesi, ke li eraris.

La feliĉa posedanto de la vera kreskaĵo ĝin tiel bone zorgis ke, anstataŭ sovaĝe kaj malforte, la malgranda vegetaĵo baldaŭ bele kaj vigle aspektis. Ĝia floro jam de longe velkis sed produktis semojn. Ĝia zorganto prenis kelkajn el ili, ilin metis sur sian manon dum venta vetero. Dolĉe ilin forportis la vento. Tiam la homaramanto diris:

Kresku kaj multiĝu!»

Kelkaj semoj perdiĝis en la oceanon. Aliaj, pli bonŝancaj, faletis teren kaj kreskis. De tiam la junulo ĉien sciigas, ke li trovis kaj zorgis la veran floron de paco kaj amo.

Multaj estis la homoj, kiuj lin ne kredis. Sed aliaj, kiuj trovis la semojn, sciigis tion al la feliĉa trovanto. Ili baldaŭ formis areton da fratemaj, pacemaj homoj, siavice forblovantaj la semojn.

Jaroj pasis. La floreto kreskis multloke. Oni aŭdis pri homoj ĝin trovantaj en aliaj partoj de l'mondo.Ĉiuj tiuj elektitoj siavice sentis en si la pacemajn kaj fratemajn sentojn, kiuj plenigas la koron post tuŝado de la mirinda kreskaĵo.

Tiun evoluadon al perfekta feliĉo la malbona militdiaĵo volis haltigi. Li, por sukcesi, dum venta vetero forblovis la semojn de mortiga floro. Ĝi ankaŭ kreskis ĉie, sufokigante multajn el la pacemaj steletoj. La restantaj, malgraŭ ĉio, kuraĝe floriĝis kaj produktis semojn, ĉien forblovitajn. Ilia trovinto, la dolĉo kaj pacema viro, bedaŭrinde nun estas mortinta, sed la bonaj semoj kun persisteco kreskas kaj multiĝas por iam kovri kaj superkreski la mortigantan malbenitan militfloron, kies veneno tiom da larmoj kaj suferoj kaŭzis.

Originale verkis: LUCETTE FAES-JANSSENS.

---

# ELTROVO NENIIGITA.

Estas fakto, ke eltrovajo, eĉ ekstreme utila, estas malofte akceptata kun la ĝojo kaj la dankemo, kiujn ĝi meritus. Ĝi ĝenas multajn personojn: ĉiujn fabrikistojn kaj vendistojn de artikloj, al kiuj ĝia ekesto perdigas tuj ilian preskaŭ plenan valoron. Ĝi kunportas konfuzigojn ekonomiajn kun neantaŭvideblaj sekvoj; unuvorte, la homo, kiu opiniis utili al la homaro, spertas kun malĝojo, ke li fariĝis «la malamiko de l'popolo» kiel amare tion konstatis Ibsen.

Gravaj eltrovistoj konis persekutadon,Sauvage kaj Fulton estas nemorteblaj ekzemploj.Sed dum la antikva epoko,estis multe pli danĝere krei, ol pensi. Nuntempe oni multe serĉas la formulon de l'fleksebla vitro. Se oni devas kredi historiiston Dion Cassius, tiu formulo estis trovata dum la regado de Tiberio. La etrovinto fiere aperis antaŭ la imperiestron, portante pokalon el vitro nerompebla kaj fleksebla en tia grado ke, ĵetita teren kaj diversmaniere krude priagata, la glasego estis nur malebenigita, post kio kelkaj fortaj martelbatoj de l'fabrikinto tuj redonis al ĝi ĝian unuan formon.

Tiberio admiris eble tiun lertecon, sed, viro praktika, li ekvidis tuj la valorperdon grandegan kiun, pro la nova eltrovaĵo, suferus la ora kaj teler-kaj-vaz-aro.

— Ĉu iu konas cian sekreton? li demandis.

— Neniu ĝin konas krom mi, la viro respondis malhumile.

Kaj ni imagu, kiaj estis lia miro kaj indigno, kiam la imperiestro, kvietiĝinta, ordonis ke li estu senprokraste mortigata!

Tradukita el «La Flandre Libérale» de L. COGEN.

---

# SPRITAJOJ.

DONACO. — Kian donacon vi faros al via edzo okaze de lia datreveno?

— Ho, cent cigarojn.

— Kiom vi pagis ilin?

— Neniom. De kelkaj monatoj mi forprenis po unu aŭ du cigarojn el lia skatolo. Li tion ne rimarkis kaj li estos ravita, ĉar mi elektis lian markon preferatan.

* * *

MIOPECO. — Drama aŭtoro tre miopa libertempis en farmodomo de Normandio.

Antaŭ kelkaj tagoj, trairante la korton, ventoblovo forruligis lian ĉapelon. Li ĝin postkuris, sed ĉiufoje kiam li estis atingonta ĝin, la petola vento ĝin forpelis... Fine li sukcesis ĝin kapti, sed subite li lasis ĝin, eligante krion pro ektimo: la ĉapelo... blekis en liaj manoj.

— Kion tio signifas? li diris.

— Mi ne scias, respondis la farmistino staranta ĉe la pordo, jen de

kvin minutoj vi persekutas nian nigran kokineton, kaj via ĉapelo kuŝas tie en la sterkomarĉo.

* * *

FAMILIA SCENETO. — Nu. karulo mia, estu saĝa... Ĉi devas nun iri dormi.

— Ho, ne, panjo, ne jam...

— Certe, ĉarmuleto mia, ĉi scias, ĉiuj kokidetoj jam dormas je la nuna momento.

— Jes... Sed la kokino ankaŭ.

* * *

MINACO. — Ĉu vi aŭdas? Estas la lasta fojo, ke mi postulas de vi mian monon.

— Tiom pli bone, ĉar tio ektedis min.

---

# ESPERANTO KLARA LINGVO.

## OFICIALA REKONO.

« **Ni paŝo post paŝo, post longa laboro,**
**Atingos la celon en gloro.** »

Telegramo sendita el Parizo la 29an de oktobro 1925 sciigas al ĉiuj gazetoj jenan informon:

« La internacia Konferenco de la Ŝtatoj-membroj de la Universala Telegrafa Unio ĵus rekonis oficiale Esperanton laŭ la rekomendo de la 5a Plenkunsido de la Ligo de Nacioj.

» Artikolo 7 de la Internacia Telegrafa Regularo antaŭvidas la uzon de la naciaj lingvoj kaj de l'Latino. La lasta paragrafo estas kompletigita laŭjene:

» **La uzo de l'Latino kaj de Esperanto estas sammaniere allasata.**

» La franca delegacio aktive kunhelpis al la adopto de tiu amendo, kiu donas al Esperanto definitive la karakteron de oficiale rekonita internacia helplingvo.

» Simila propono koncerne Idon estis malakceptita. »

Tiu decido signifas do, ke nia lingvo ne plu estas konsiderata kiel tiel nomita «Konvencia» aŭ «koda lingvo» kaj ke ankaŭ por Esperanto de nun estas aplikata la tarifo de la «klara lingvo», t.e., ke la vortoj povas enhavi ĝis 15 literoj (nur de la 16a litero la vorto estas duoble taksata), dum kodo- aŭ konvencia vorto povas enhavi nur 10 literojn kaj estas duoble taksata de la 11a litero.

Tiu plia venko instigu nin al plua metoda kaj pacienca klopodado por la plifirmigo de nia lingvo en aliaj agokampoj de la internacia vivo.

---

# 18-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO KAJ INTERNACIA SOMERA UNIVERSITATO.

EDINBURGO — 31 Juli ĝis 7 Aŭgusto 1926 — EDINBURGO

**Loka Kongresa Komitato:** Hon. Prezidanto: John Merchant. — Prezidanto. W. M. Page, S.S.C. — Vic-Prezidantoj: William Rae, S-ino G. Senior. — Sekretarioj: J. M. Warden, F.F.A., L.K., William Harvey, I.S.O., L.K. —Kasisto: David R. Tullo, S.S.C. — Komitatanoj: F-ino Jan Baird, George Dickinson, David Kennedy, M. A. Robert Stevenson.

**Adreso por leteroj:** Sekretarioj, 18-a Kongreso de Esperanto, EDINBURGO, Skotlando.




(Kun afabla permeso de L. M. & S. Fervoja Kompanio).

**Aliĝoj:** Jam 113.

**Aliĝiloj:** Disdonotaj pere de la ĉefaj Gazetoj kaj de la Naciaj Asocioj. Kiu ne ricevis ekzempleron, tiu bonvolu peti ĝin rekte de la L.K.K.

**Kotizo:** Por ĉiu kongresano senescepte: 20 ŝilingoj Britaj = proksi-

mume 20 Ger. or-markoj, 25 Svis. fr., 12 Nederl. guld., 5 Uson dol. Oportuna maniero sendi la kotizon, estas per Brita ŝtatbileto por £ 1 («currency note, one pound»), havebla ĉe bankoj en multaj urboj, kaj sendota per registrita (rekomendita) letero.

**Garantia Kapitalo:** La L.K.K. zorge penos eviti ian financan deficiton sed, por certigi la financojn, ĉi tiu Kapitalo estas fondita.

**Donacoj:** La L.K.K. volonte ricevos donacojn por helpi al plena sukceso de la Kongreso.

**Blindula Kaso:** La L.K.K. akceptas pere de la aliĝiloj, aŭ alimaniere, mondonacojn por ebligi, ke Blinduloj partoprenu en la Kongreso.

**Loĝado:** Sub-Komitato jam vigle laboras por fari plej moder-prezajn, sed tute kontentigajn, aranĝojn pri loĝado. Detaloj aperos en estonta Bulteno.

**Fakaj Kunvenoj:** Organizontoj bonvolu anonci frue siajn dezirojn.

**Somera Universitato:** La L.K.K. daŭrigas la Someran Universitaton, kaj jam aranĝis fakultatojn pri Folkloro, Lingvistiko, Medecino, kaj Scienco.

**Akcepto de Kongresanoj ĉe Britaj havenoj:** En posta Bulteno aperos adresoj de U.E.A.-Delegitoj, k.t.p., kiuj jam konsentis akcepti ĉe Britaj havenoj kongresanojn el aliaj landoj. Koncernataj anoj skribu rekte al tiuj adresoj ĝustatempe antaŭ alveno.

**Proponoj:** La L.K.K. danke ricevos kaj zorge konsideros fruajn proponojn deklami, kanti, ludi, k.t.p., ĉe Kongresaj Koncertoj.

---

# MONUMENTA VERKO EN ESPERANTO.

## KATALUNA ANTOLOGIO.

Estas jam duone presita la «Kataluna Antologio», aperonta proksimume je la fino de novembro. Tiu ĉi granda verko enhavos elektitajn pecojn de katalunaj poetoj kaj prozistoj, antikvaj kaj modernaj. Ĝi estas presata sur linpapero (la tuta eldono estas «bibliofila») kaj okupis pli ol 400 paĝojn kun formato 22 × 16 cm.

La versaj kaj prozaj tradukoj estas faritaj de lertaj katalunaj esperantistoj, sub la gvido de Jaume Grau Casas, kompilinto de la «Antologio». Ĝia stilo estos plene Fundamenta.

Krom la tradukitaj literaturaĵoj, estos en la libro noto bio-bibliografia pri ĉiu aŭtoro, kelkaj popolkantoj verse tradukitaj kun la koncernaj melodioj, kaj studo pri la katalunaj lingvo kaj literaturo. En tiu ĉi studo estas speciale pritraktataj la verkoj de la famaj mezepokaj Trobadoroj, ĉu Provencaj, ĉu Katalunaj. Estas ankaŭ rimarkindaj kelkaj komparoj de la kataluna lingvo kun la hispana, la franca kaj la itala.

La «Kataluna Antologio» kostos, afrankite, por ĉiuj landoj, escepte tiujn de la Iberia duoninsulo: du dolarojn, dek-unu svisajn frankojn, naŭ ŝilingojn. En la Iberia duoninsulo, ĝi kostos 13 pesetojn. Ĉiu ekzemplero (kiu estos solide bindita kaj peza unu kilogramon) estos sendata en rekomendita pakaĵo. Petu detalojn de la kasisto de «Komitato por Kataluna Antologio»: S-ro Eduard Capdevila, str. Carders, 29, Barcelono.

# 12AJ INTERNACIAJ ESPERANTISTAJ FLORAJ LUDOJ EN SANTA COLOMA DE FARNES 23-25 MAJO 1926

La Komitato de tiuj Floraj Ludoj invitas ĉiulandajn verkistojn partopreni la konkursojn kiujn ĝi organizis okaze de tia Festo, nome:

## ORDINARAJ TEMOJ.

ORIGINALAJ TEKSTOJ:

I. — Originala versaĵo kantanta AMON.

II. — Originala AMA verko en prozo.

TRADUKITAJ TEKSTOJ:

I. — Traduko de la kataluna versaĵo LES NOCES DE L'ALOSA I EL LLESSAMI el Melcior Font.

II. — Traduko de la kataluna prozaĵo CAMINAR AMB LA LLUNA el Prudenco Bertrana.

Al la gajnintoj de la kvar ĉi supraj temoj oni donacos ekzempleron el la KATALUNA ANTOLOGIO kaj belan honoran diplomon. Al la plej bona verko el la kvar oni aljuĝos la Naturan Floron kaj la rajton elekti Reĝinon de la Festo.

## EKSTERORDINARAJ TEMOJ.

Ili konsistas el 30 temoj proponataj de diversaj institucioj, esperantaj grupoj kaj privatuloj, kies temoj malkomponiĝas jene:

TEMOJ DIFINITAJ:

INTERNA IDEO DE ESPERANTO. Premio: 100 pesetoj.

FIDELECO AL LA FUNDAMENTO DE ESPERANTO. Premio: 75 pesetoj.

TEMO RILATANTE AL U. E.A. Premio: 100 pesetoj.

VERSAĴO AŬ PROZAĴO PLEJ BONE KANTANTA LA NACIAJN GLOROJN. Premio: 100 pesetoj.

TEMO PATRUJAMA. Premio: 25 pesetoj.

LA MALMORALECO ĈE LA VIRINA VESTO. Premio: 25 pesetoj.

PLEJ BONA VERKO PRISKRIBANTA LA KASTELON, ERMITEJON, TURON PLANAS, k.t.p., de Farnès. Premio: 1 sterlinga funto.

GRAVECO DE LA FIZIKAJ KVALITOJ DE LA AKVOJ AKRATOTERMAJ, RADIAKTIVAJ, RILATE AL LA AKTIVECOJ KAJ EFIKOJ DE TIAJ AKVOJ, SPECIALE KONCERNANTE LA FIZIOLOGIAN KAJ TERAPEŬTIKAN EFIKON. — Premio: 100 pesetoj.

PLEJ BONA TRADUKO DE VERSAĴO DE LA FAMA KATALUNA POETO JOAN MARAGALL. Premio: 50 pesetoj.

TEMO PRITRAKTANTA LA MUZIKVERKADON KAJ HORKREADON DE LA EL LA PASINTA XIXa JARCENTO KATALUNA MUZIKVERKISTO CLAVE. — Premio: 50 pesetoj.

PRI PACO KAJ AMO. Premio: 25 pesetoj.

ESPERANTO KAJ RADIOFONIO. Premio: 50 pesetoj.
TEMO RILATANTA PUNON AL MALFIDELA EDZINO PRIRABINTA KAJ FORLASINTA SIAN EDZON. Premio de S-ro Ivan H. Krestanoff; Lia verkaro valoranta proksimume: 25 pesetojn.
ORIGINALA AŬ TRADUKITA SCIENCA STUDO PRI LA ELTROVO DE LA RADIOJ X. (Roentgenclogio.) Premio: 100 pesetoj.

* * *

TEMOJ NEDIFINITAJ t. e. LAŬVOLAJ:

Dekses temoj laŭvolaj kun premioj de 75, 50 kaj 25 pesetoj kompletigas la liston de eksterordinaraj temoj, kies premiojn oni aljuĝos al la plej bonaj verkoj, ĉu versaj ĉu prozaj, kiuj prezentiĝos al la konkurso de tiaj temoj.

KONDIĈOJ POR PARTOPRENO.

La verkoj konkursontaj devas esti verkitaj en bona Esperanto kaj ne ankorau eldonitaj aŭ anoncitaj.

La manuskripto devas porti devizon kaj esti sendataj al la Sekretario de la Floraj Ludoj (S-ro Ventura, str. CREU, 75, TERRASSA) akompanataj de fermita koverto kiu surhavos la saman devizon kaj entenos la nomon kaj adreson de la verkinto. Ĉiu sendinto bonvolu konservi kopion de la manuskriptoj. TEMPLIMO POR AKCEPTO DE VERKOJ: 15 februaro 1926.

La Komitato publikigos la verdikton par «Kataluna Esperantisto» kaj rantisto» aŭ aliaj esperantaj gazetoj.

La verkoj premiitaj fariĝos propraĵo dum unu jaro, de la Komitato de la Floraj Ludoj, kiu zorgos pri ilia publikigo sur «Kataluna Esperantisto» au aliaj esperantaj gazetoj.

Eventuala aljuĝo de subpremioj nur signifas honoran mencion.

La Juĝontaro konsistas el la sekvantaj S-roj: D-ro Edmond Privat, PREZIDANTO; Joseph Berger, Artur Domenech, Josep Rossello, Josep Gener, Josep Ventura, SEKRETARIO.

---




## UNIVERSALA ESPERANTO ASOCIO

### BELGA TERITORIO.

La nova Asocia jaro komenciĝis. La kotizoj por 1926 estas de nun pageblaj. Novaj aliĝoj estas nun akceptataj por tiu jaro.

La Komitato de UEA. estos devigata adapti la favorprezojn por Belgaj membroj al la nunaj cirkonstancoj, kaj fiksis la kotizojn por 1926 jene:

Membro: Bf. 12.—; Membro-abonanto: Bf. 30.—; Membro - Subtenanto: Bf. 100.—. Tamen, la membroj kaj aliĝantoj, kiuj volos helpi

nian administradon per pago antaŭ la 1a de Januaro 1926, ricevos premion, kiu konsistas en tio, ke ili ĝuos ankoraŭ la ĝisnunan tarifon: Membro: 10.—; Membro-Abon. 25.—; Membro-Subten. estis jam 100.—). Novaj membro-abonantoj plie ricevis ankaŭ la gazeton de Novembro kaj Decembro 1926 sen plia alpago. Se ili ŝatus ricevi ankoraŭ la jarlibron 1925, ili ĝin ricevos alpagante Bfr. 10.—.

Pagoj okazas plej facile al mia poŝtĉekkonto No 28420. Novaj membroj aldonu sur la poŝtĉeka pagilo aŭ transpagilo citon de sia profesio.

La Ĉefdelegito: FR. SCHOOFS.

---

# ILUSTRITAJ POSTKARTOJ KUN ESPERANTA TEKSTO

## DUA SERIO PRI ANTVERPENO.

Konstatinte la grandan sukceson de la unua serio de 10 ilustritaj poŝtkartoj pri la urbo Antverpeno, la grupo «La Verda Stelo» eldonis duan kolekton (1). Tiu nova kolekto enhavas ankaŭ 10 bele prizorgitajn vidaĵojn, presitajn ĉe la bonekonata firmo «Nels». La unua serio estis simple metita en koverto; ĉi tiu estas prezentata en eleganta albumeto. Malgraŭ tio la prezo estas la sama: Fr. 1.—. Ili estas aĉeteblaj en la sidejo de la grupo («De Witte Leeuw») ĉiusabate de la 8-a ĝis la 11-a h. kaj ankaŭ je la sekvantaj adresoj: Leemputstraat, 11, Kleine Hondstraat,11, Vleminckxstraat, 18, Kerkstraat, 170, Touwstraat, 30, Gretrystraat, 53, Bredastraat, 123. Afranka poŝtsendo kontraŭ sendo de Fr. 1.10 por ĉiu kolekto (Fr. 1.25 por eksterlando) al la poŝtĉekkonto 726.54 de «La Verda Stelo», Antverpeno. Ni tre konsilas al ĉiuj esperantistoj, kiuj korespondas, ke ili uzu tiujn kartojn malmultekostajn, kiuj estas tre efikaj laŭ propaganda vidpunkto. Ni forgesis diri, ke ĉiu karto surhavas klarigan tekston en Esperanto pri la koncerna vidaĵo.

Ni esperas, ke ĉiu Esperanto-grupo eldonu tian poŝtkartaron pri sia urbo.

---

(1) Unua kolekto aperis en Julio. Vidu B. E. paĝo 109.

---

# DIVERSAJ INFORMOJ

LA LABORISTA ESPERANTO - GRUPO DE GENOVA (Italia). — Por ŝpari monon, ope respondas tie-ĉi al ĉiuj kiuj tamen ne sendinte monoferon petis la libreton «Devoj de la Homo» de l'granda penculo Giuseppe Mazzini. La monsumo, malavare donacita por la eldonado kaj dissendado de la 10.000 ekz.,pro neantaŭvidita altigo de poŝtafranko, elĉerpiĝis dum senpaga dissendado de ĉirkaŭ 8.000 ekz., do la L. E. G., por ekvilibrigi sian bilancon, dissendos la restantajn 2.000 ekz. nur al Samideanoj aŭ Esp. Societoj, kiuj ilin petante sendos po almenaŭ unu-

liran monoferon. Tiuj kiuj ankoraŭ ne ĝin legis, ne atendu elferpigon. Adreso monoferojn tuj al S-ro Ettore Managlia, Sekretario-Kasisto de la «Laborista Esperantisto-Grupo», en Cassella Postale 922, Genova — (Italio).

ENKETO PRI SOCIA - ASEKURO POR LABORISTOJ OFICISTOJ k. t. pl. Kiel oficisto de la grandega germana «asocio de malsanul - asekuro - kasoj» mi havas peton. Venontan jaron, monato majo ni aranĝas tre grandan «ekspozicion» pri «saneco, laboreco» kaj «sporto». Por ke ni nun ankaŭ povu montri praktike raporton «pri la socia asekuro» eksterlande, mi petas subtenu min.

Mi nur deziras:

1) Sendu al mi presaĵojn, bildojn, librojn, k. t. pl.

**pri ĉiuj demandoj el la socia movado.**

2) Kiom multe da elspezoj kaj espezoj oni pagis por la socia asekuro.

3) Ĉu oni posedas **resanĝdomojn.**

4) Kiu posedas la **hospitalojn, la ŝtato,** aŭ la **socia-asekuro.**

5) Ĉu estas la **kuracistoj,** oficistoj de la ŝtato?

6) Ĉu estas la oficistoj de la socia asekuro oficistoj de la ŝtato aŭ **de la asekuro.**

Kompreneble mi repagas al la samideanoj la elspezojn.

Tre volonte mi ankaŭ plenumos ĉiujn dezirojn pri la germana asekuro.

Samiedane Fritz Bohlmann, Krummestr., 87, Berlin-Charlottenburg.

POŜTMARKOJ. — S-ro G. Cavuoti, V. Caserma 3, Potenza (Italujo), deziras interŝangi po 100 - 500. Sendu rekomendite.

DEZIRAS KORESPONDI. — S-ro N. Aleksandrov, Dolinskaja, Ekaterinoslav Gub., Ruslando.

S-ro D-ro Grosz Mor, advokato, Kiskunhalas (Hungarujo) pri kulturhistorio, arto, naturaj interesaĵoj kaj advokata profesio.

---

## BIBLIOGRAFIO

LA ANĜELUSO. — Muzikaĵo de F. Fourdrain. — teksto Esperantigita de F. de Ménil. — La verkaĵo de la bonekonata F. Fourdrain estas belega kanto, plena je delikata kora religia sento, en kiu la preĝo estas varme esprimita. Dum tiu preĝo oni aŭdas en la akompana parto la malproksiman tintadon de la Anĝeluso, kio donas al la tuto perfektan koloron. Estas certe tre posedinda kaj tre valora muzikaĵo, kiun ĉiu muzikamanto ŝategos havi en sia repertuaro.

OFICIALA JARLIBRO DE LA ESPERANTO - MOVADO 1925. — 13a JARO. — Eldonita de la Universala Esperanto-Asocio, 12, Boulevard du Théâtre, Genève. — 456 paĝoj de 12 × 16.5 cm. Ĉu estas ankoraŭ necese multe priparoli tiun libron. Ni sincere opinias ke ne, ĉar sendube ĉiu esperantisto jam konas la altan valoron de la jarlibroj de U. E. A. kiu akiris tiun ĉi jaron pli ĝeneralan karakteron. Laŭkutime ĝi estas plej zorge eldonita. Membroj de U. E. A. ricevas ĝin senpage.

ESPERANTA BIBLIOTEKO. — Noj 14-15: REAPERANTOJ de Henrik Ibsen. — Familia dramo. Tradukis Oscar Bunemann. Eldonita de la Esperanto - Verlag Ellersiek G. m. b. H. Berlin kaj Dresden. Dua eldono. 112 paĝoj de 10 × 14 cm. Prezo: RM. 0.80. — Represo de tiu bone konata, en ĉiuj landoj, dramo de la mondfama Ibsen. La traduko en Esperanto estas farita de malnova samideano, kies nomo estas jam garantio sufiĉa pri la taŭgeco de la uzata lingvaĵo.

LA LANGUE INTERNATIONALE. — Ce que tout militant ouvrier doit connaître de la question. — Verkita de E. Lanty. Eldonita de la «Féd. Esp. Ouvrière», rue de Bagnolet, 177 (XXe) Paris. 1925. 72 paĝoj de 12 × 19 cm. Prezo: 2.50fr.

Bonege redaktita propaganda libro kiu multe helpos la disvastigon de nia lingvo en la laboristaj rondoj.

PUBLIKAJOJ DE LA ESPERANTO - KOMITATO DE LA BAHA'I-MOVADO HAMBURG. — No 1.

HISTORIO, INSTRUOJ KAJ VALORO DE LA BAHA'I-MOVADO. — Verkita de D-ro Hermann Grossmann: Esperantigita el la germana originalo. — Eldonita en Hamburg 1925; — 8 gaĝoj de 22 × 15 cm. — Presejo: Heroldo de Esperanto Horrem bei Köln (Germanujo).

BATALANTOJ POR LA HOMARA PACO. — Verkita de D-ro Winfried Fricke. Eldonita de la Eldonejo: La Batalanto. Bürgemeister Finkstr., 19, Hannover (Germanujo). 1925. 24 paĝoj de 15.5 × 23.5 cm. Prezo nemontrita.

Plano pri nova konstruo de la homara socio kun la celo atingi pli frue ĝeneralan pacon.

OFICIALA ALMANAKO DE LA «TUTMONDA POLICA LIGO» kaj «TUTMONDA LIGO DE LA ORDO». — Redaktis A. H. de Marich. Multilustrita. Eldonita en Budapest 1924. Eldonis: «La Policisto». 208 paĝoj de 10 × 14 cm. Prezo: Dolaro 0.50.

Zorge kompilita jarlibro pri la polica societo. Ĝi enhavas ĉiujn detalojn pri la movado de Esperanto inter la diverslandaj policistaroj. Ni esperas, ke proksima eldono estos prezentata sur pli bona papero; tio donos al la libro ĝian veran valoron.

INTERNACIA ESPERANTA LUDKARTARO. — Heraldika kaj geografia propagandilo por la internacia lingvo: «Esperanto». — Unu kartpaketo konsistas el 54 ludkartoj kaj 1 ludregularo. — Eldonita de la «Internacia Esperanta Ludkartcentrejo. — Budapest - Hungarujo. Poŝto: 112. — Kesto: 11. — Presis la ludkartfabriko de F. Piatnik kaj filoj. — Budapest, VII. — Rottenbillet - utca 17. Prezo: Svisajnfr. 4.

ĜENERALA SPECIMENFOIRO KAJ FOIROJ POR TEKNIKO KAJ KONSTRUFAKO EN LEIPZIG. — Ĉiujare dufoje: Komence de Marto, fine de Aŭgusto.

1) — Kvarpaĝa flugfolio. 21 × 30 cm.

2) — Plano de la urbo Leipzig kaj situplano de la Foiro mem. 72 × 48.5 cm.

3) Glumarkoj. 6.5 × 4 cm.

---

# Ne forgesu

# repagi vian abonon!